ESPERANTISTO SLOVAKA
ORGANO DE SLOVAKA ESPERANTO INSTITUTO

REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO: T. S. MARTIN, Kuzmány-str. 29. ČSR-Slovakujo
IV-a JARKOLEKTO • DECEMBRO 1949 • NUMERO 12 (42)

# 1859 * 15-a de decembro * 1949

Tre malproksime ĉiuj ni staras
la unuj de la aliaj...
Kie vi estas, kion vi faras,
ho, karaj fratoj vi miaj?

*

Vi en la urbo, vi en urbeto,
en la malgranda vilaĝo,
ĉu ne forflugis kiel bloveto
la tuta via kuraĝo?

*

Ĉu vi sukcese en via loko
kondukas nian aferon,
aŭ eksilentis jam via voko,
vi lacaj perdis esperon?

*

Forte ni staru, brave laboru,
kuraĝe, ho nia rondo!
Nia afero kresku kaj floru
per ni en tuta la mondo!

*L. L. Zamenhof.*

# Nia bilanco

Ĉe fino de la IV-a jarkolekto de nia revuo ŝajnas al ni utile ĵeti rigardon malantaŭen kaj kritike valorigi la ĝisnunan laboron, ĉar en la lasta tempo — dank' al la senĉesa klopodado de niaj aktivuloj — aliĝis al la movado konsiderinda nombro de novaj samideanoj kaj multaj el ili ne konas niajn malhelpaĵojn, supertaksas niajn eblecojn, postulante multe pli ol ni povas doni.

La unua numero de Esperantisto Slovaka aperis dum printempo 1946, simboligante samtempe la vekiĝon de nia, ĝis tiam nur tre modesta movado. Eldonis ĝin *E. Váňa* en Žilina, kiu montriĝis fariĝi centro de ĉiu esperantista agado. La luksa kovrilo, la enkondukaj vortoj same kiel la enhavo estis grandstilaj, emfazaj, promesplenaj. La numero estis plibeligita per desegnaĵoj de *Martin Benka* (kiu estis pensinta, ke nia nacia artisto jam kaŝe okupiĝas pri la lingvo?) Ankaŭ la nun jam mondkonata esperantista ĵurnalisto Imrich *Zalupský* kontribuis al la sukceso.

La dua numero estis dediĉita al la urbo Trenčín, kie anonciĝis novaj kunlaborantoj kaj fervoraj propagandistoj: *Ján Lamačka* kaj *Ed. V. Tvarožek*. Sed ankaŭ nia malnova pioniro, *Ján Valašťan-Dolinský* prezentiĝis kun majstra traduko kaj aranĝo de belega slovaka popolkanto.

La unua jarkolekto nombris nur 80 paĝojn, ĉar la eldonanto finance elĉerpiĝis kaj forvendis la eldonrajton. La II-a jarkolekto aperadis en Trenčín, prizorgata de s-anoj Lamačka kaj Tvarožek: Ĉesis la ĝistiama dulingveco favore al Esperanto, kaj la gazeto sukcesis akiri novmalnovajn pionirojn kiel *D-ro V. Aŭsterlitz* el Bardejov, *A. D. Kremer* el Košice, *Milda Jakubcová* el Brno kaj *Št. Seemann*, inter la novbakitaj *D-ron Ľ. Izák*, redaktoron de turista revuo „Krásy Slovenska" (Belaĵoj de Slovakio). Tio ebligis establiĝi en T. S. Martin, la unua slovaka kongresurbo kaj sidejo de Slovaka Esperanto-Instituto kaj la organiza fako de Slovaka Esperanto-Societo. Ekde tiu tempo la gazeto respegulas la kreskon de la movado ankaŭ de flanko organiza, kaj akiras ankaŭ nian orientan metropolon Košice, la duan kongresurbon. Survoje ĝi trovis novan gravan centron kaj apogon de nia movado, en la subtatraa Svit kun fervorega pioniro *D-ro Ed. Sahliger*. La paĝnombro de la II-a jarkolekto duobliĝis je 160.

Ĉe jarfino la financrimedoj de la trenĉína duopo elĉerpiĝis, sed denove

troviĝis savanto en la ĵus kreita Slov. Esperanto-Instituto en T. S. Martin, transprenanta la pluan eldonandon. Kvankam eĉ la nova eldonanto ne povis certigi ĉiumonatan aperadon, tamen estis eldonitaj entute jam 12 numeroj sur 192 paĝoj.

La trenĉina redakcio komencis kaj la martina daŭrigis ankaŭ la akiradon de alilandaj kunlaborantoj. Tiel la enhavo pliriĉiĝis; sed ankaŭ la hejmaj aŭtoroj alvenis kun novaj temoj, ekz. *J. V. Dolinský* ne nur kun tradukoj de slovakaj poemoj, sed ankaŭ kun propraj versaĵoj, krome kun artikoloj primuzikaj, prilingvaj ktp. Same *Št. Seemann* kaj *Ed. V. Tvarožek* surprizis per kelke da majstraj tradukoj en Esperanton. Iliaj artikoloj (kaj precipe de I. Zalupský) vekis la intereson ankaŭ de alilandaj redakcioj ktp.

La III-a jarkolekto aperigadis serion da prituristmaj artikoloj, esperantigitaj naciaj proverboj kaj eĉ raportojn pri internaciaj kongresoj, kiujn niaj delegitoj povis partopreni. La lasta numero, dediĉita al urbo Žilina, eldonita sur kreta papero al iuj tre plaĉis, sed aliaj riproĉis la „prospektiĝon" de la gazeto. Tamen ĝi vekis vere grandan intereson tutmonde kaj estis bona pruvo pri taŭgeco de Esperanto por niaj fremdultrafikaj organizoj, kiuj antaŭe forte kontraŭstaris.

La IV-a jarkolekto similas al la pasintjara, tamen ĝi estas pli enhavoriĉa kaj volas serioze kaj objektive informi la eksterlandan samideanaron pri la grandaj ŝanĝoj en la popoldemokrata ĈSR, dediĉinte ankaŭ lokon al esprimo de la ĉeĥoslovaka-soveta amikeco.

Ĉiuj jarkolektoj servis al konatigo de la tuta Respubliko kaj sincera kunlaboro de ambaŭ nacioj: ĉeĥa kaj slovaka, tial la gazeto fariĝis propraĵo de tutlanda samideanaro kiel revua kompletigo de pli faka ĉeĥa „Esperantista" kaj politika Informa Bulteno de Esperanto-Servo.

Ofte ni aŭdas kritikojn, konsilojn, kiel pligrandigi, plibeligi, aliformigi nian revuon laŭ formato kaj enhavo. Oni ŝatus, ke ĝi aperadu regule ĉiumonate kun pli variaj fotoj, ĉar laŭ la ĝisnuna stato ĝi estas nur unuflanka bildo de nia lando. Al ĉiuj ni alvokas: bonvolu ne forgesi, ke *nia revuo vivas nur per oferema kaj libervola laboro de unuopuloj* kaj ke la monmanko devigas nin *prunteprenadi* kliŝojn de aliaj gazetoj, precipe de nia turista revuo, ĉar heliogravuraĵojn ni ne povas uzi. Anstataŭ nur kritikadi, konsiladi, fariĝu niaj kunlaborantoj kaj helpantoj. Kiel? Pagu frue la abonkotizon, kaj se vi povas, eĉ subtenu la revuon per mondonaco. Sendadu al ni koncizajn, por kompostado

taŭgajn raportetojn pri la movado en via ĉirkaŭaĵo. Malbona kutimo de kelkaj amikoj estas skribado de longegaj leteroj, eĉ malbone legeblaj, el kiuj oni ne povas ĉerpi la necesajn konkretajn indikojn. Kiu ŝatus vidi en la gazeto ion pli bonan, pli interesan, bonvolu skribi mem, ĉar ni ne estas profesiaj redaktoroj, pagataj de la Slovaka Esperanto-Instituto, male ni estas nur ĝiaj apogantoj. Ankaŭ ni scias, ke kreta papero estas pli taŭga por presigo de kliŝoj; ankaŭ ni scias ke la revuo povus esti pli granda, pli bela kaj pli interesa, sed niaj eblecoj estas eĉ tro modestaj, tamen ni povas esti kontentaj pri la atingita rezulto.

Do ne estu nur malbonhumoraj kritikantoj, sed fariĝu efikaj plibonigantoj. Nun, kiam ni ne povas aĉeti eksterlandajn librojn kaj gazetojn en sufiĉa kvanto, nia gazeto kaj ĝia prospero fariĝu korafero de ĉiu samideano de bona volo.

*Eliz.*

# Kristo jen naskiĝis...

Slovaka popolkanto.










La profetoj antaŭdiris ja,
ke naskiĝos Li en nokt' tia —
Aj nokto, nokto, ja por ni
tia neniam estis vi!

Glora stelo inter stela ar'
montris la Infanon al homar' —
Aj stelo, stelo, ja por ni
tia neniam estis vi!

Tradukis *J. V. Dolinský.*

# Kio okazas en ĈSR

## LA PREZOJ EN ĈSR.

La fino de la dua mondmilito signifis rekuniĝon de la ĉeĥaj landoj kun Slovakio en la restarigita Ĉeĥoslovaka Respubliko. Kaj tiu ĉi restarigita ŝtato, precipe la orienta parto — Slovakio — faris tuj post la liberiĝo provojn seniĝi de la malamata porciumado, enkondukita dum la milito, kaj reveni al normalaj manieroj de komercado. Sed la loĝantaro, kiu dum longaj jaroj de la milito bone ellernis saboti la distribuadon kaj administradon, servantajn al la malamiko, ofte forgesadis, ke tio, kio dum la milito estis bonvena rezist-ago, post liberiĝo estas krimo kontraŭ samŝtatanoj kaj ŝtato kaj kondutis ofte tro egoisme kaj profiteme, sen respekto pri la publika intereso. Estis do necese enkonduki denove la porciumadon kaj reguligan distribuadon de ĉiuj bazaj nutraĵoj kaj bezonaĵoj (teksaĵoj, ŝuaĵoj ktp.), el kiuj la plejparto de homoj havas proksimume egalan bezonon.

Dum iu tempo regis manko de diversaj varoj kaj oni eĉ oficiale tute malkaŝe parolis pri la mankoj. Tamen, senkompata kritiko ebligis forigi la plejparton de la mankoj kaj la Dujara Plano enkondukis la unuajn normojn ankaŭ en la provizadon kaj distribuadon.

Kiam komencis abundi kelkaj antaŭe mankantaj varoj, estis krom la „ligita" komerco enkondukita ankaŭ tielnomata „libera", senkupona vendado, kompreneble, por konsiderinde pli altaj prezoj, atingantaj triĝis sesoblon de la „kupona" prezo. Tio ĉi signifis, ke homoj, antaŭ ĉio la bone perlaborantaj, povis pliriĉigi sian vivon per pli da bezonaĵoj, ja eĉ luksaĵoj.

La pliboniĝo de la distribua sistemo kaj pligrandiĝinta produktkapablo de nia industrio ebligis konsiderindan pliampleksigon de la „libera" komerco. Estis starigitaj novaj „liberaj", senkuponaj vendejoj, kapablaj kontentigi eĉ la pli elekteman aĉetantaron. La senkupona komerco dum sia ekzisto jam dufoje agrable surprizis la publikon per malplialtigo de prezoj. La unua prezredukto koncernis plejparte nutraĵojn kaj teksaĵojn, la dua antaŭ ĉio aliajn industriajn produktojn (radioaparatojn, biciklojn ktp.). La prezoj de kelkaj varoj estis reduktitaj eĉ je duono.

Sed ankaŭ la porkupona komerco alportas senĉese plibonigojn. Ne nur

kreskas la diverseco de la varspecoj kaj do la ebleco de pli granda elekto, sed estas malplialtigata la „poenta valoro“ de la varoj, t. e. oni povas aĉeti la varojn por malpli da kupon-poentoj ol antaŭe. Krom tio kelkaj varoj estis „liberigitaj“.

Tamen la plej sekura pruvo, ke nia enŝtata komerco kaj la publika provizado senĉese pliboniĝas, estas la fakto, ke post nunjara kontentiga rikolto el inter la nutraĵkuponaro malaperis la kuponoj por pano, faruno kaj terpomoj. Tiuj ĉi bazaj nutraĵoj, plej gravaj por ĉiu, estas nun ĉie haveblaj senkupone kaj tamen Ĉeĥoslovakujo havas la plej malmultekostan panon en la tuta mondo.

Ni scias, ke ni estas ankoraŭ malproksime de la idealo, sed la ŝtataj aŭtoritatoj en harmonia kunlaboro per planado kaj kontrolo forigadas unu post la alia la mankojn de nia materia vivo kaj alproksimigas la ŝtaton al la dezirata celo: al cirkonstancoj, kiuj ebligos forgesi la detruojn de la milito kaj la vivmanierojn dum ĝi kaj pro ĝi enkondukitajn.

*— ee —*

# La diatomoj

(Ĉerpita el „La Naturo“.)

Ĉe la limo de l'vegeta kaj animala regnoj troviĝas multaj specoj de unuĉelaj estaĵoj, havantaj samtempe plantan kaj animalan karakteron. Ili plimultiĝas per dividiĝo kaj kuniĝo, ili prenas oksigenon de l'aero, ekskrecias restaĵojn, moviĝas, estas impreseblaj de la lumo kaj varmo. Tiaj estas la *diatomoj*, kiujn oni enklasigis inter la algoj; sed estas algoj, kiuj translokiĝas tiel, ke oni ne povas observi per kia meĥanismo; — kiuj reproduktiĝas sammaniere kiel la infuzoroj, kiuj estas animaloj; — kiuj enhavas klorofilon, kio estas propraĵo de plantoj!

La diatomoj estas etdimensiaj: kelkaj centonoj da centimetro. Pligrandigante ilin centoble per mikroskopo, oni povas havi ĝeneralan ideon pri tiuj tre malgrandaj algoj, sed por ekvidi la detalon de ilia kiraso, necesas kvincentobla pligrandigo. Se oni volas admiri la plej delikataju el iliaj desegnaĵoj, necesas uzi objektivon mergeblan kaj povantan pligrandigi milkvincent-ĝis dumil-oble. Multaj aŭtoroj interesiĝis pri la diatomoj kaj identigis dekojn da miloj diversspecaj.

La diatomoj konsistas el protoplasma maso, enfermita en ia malgranda ujo. Tiu ujo kaj ĝia kovrilo konsistas el siliko kaj plej ofte ornamas ilin geometriaj desegnaĵoj, figuroj donantaj belegan dekorimpreson, kiuj pro sia eksterordinara strukturo estigas la admiron de ĉiu, kiu observas ilin la unuan fojon.

La ujo estas nur skeleto por tiuj mikroskopaj algoj; la siliko, el kiu ili konsistas, estas temporezistanta tiel, ke post la morto, ili formas grandaj masojn, kiuj konsistigas geologiajn tavolojn ĉe marfundo aŭ montetojn da fosilioj, kiujn oni ekspluatas kiel minejojn. El tio oni fabrikas pavimojn, uzatajn por izoli vapor-kaj varmakvotubojn k. s.

Diatomoj troviĝas ĉie, kie estas akvo kaj lumo, la plej malgranda akvoflako[1] — ĉevalhufa postsigno en arbaro, spaceto inter stratdefluilaj pavimoj — enhavas milojn da ili. Printempe ili svarmas en la supraĵaj tavoloj de la maroj kaj formas grandan parton de la ĉefa nutraĵo de fiŝoj kaj aliaj marbestoj.

La tipografia reprodukto donas nur malfortan ideon de ilia dekoracia delikateco. Tamen du mikrografoj[2] kolektis 220 el la plej belaj ĝis nun konataj specoj, fotografis ilin kaj poste pligrandigis la faritajn fotojn. Talentplena lignoskulptisto skulptis sur kverkligno temojn, tiritajn el jenaj tre maloftaj diatomoj: *Acinoptychus Macraei*, speco malofta, devenanta de sondado de la „S. S. Challenger“ dum la ekspedicio en 1875, *Craspedoporus corolla*, trovita ĉe Sendai, Japanujo; *Aulacodiscus Kelleri*, speco tre malofta; *Aulacodiscus dispersus*, kies unu sola ekzemplero estas konata — ĝi troviĝas en la kolekto Le Tourneur, Muséum de Paris; *Entogonia pulcherrima* kaj *Entogonia formosa*, maloftaj specoj trovitaj: la unua ĉe Les Barbades kaj la dua ĉe Haiti.

*Maurice Cézar.*

---

[1] Marĉeto, formita de pluvakvo aŭ alia fluidaĵo (ne troviĝas en Plena Vortaro).

[2] Leporte et Lefébure: *Diatomoj maloftaj kaj kuriozaj*, 2 volumoj.

365 FELIĈAJN TAGOJN

en la nova jaro 1950 al siaj kunlaborantoj, amikoj kaj legantoj deziras

la Redakcio kaj Administracio.

*J. V. Dolinský:*

# La interpunkcio

III. Por plifaciligi la komprenon de la skribita teksto, oni uzas diversajn signojn interpunkciajn.

*La interpunkciaj signoj estas:* punkto(.), komo(,), punktokomo(;), dupunkto(:), tripunkto(...), haltostreko(—), dividstreko(-), krampoj ([]), citiloj(„“), steleto(*), apostrofo(’), demandosigno(?), krisigno(!).

*Ĉiun memstaran indikan frazon oni finas per punkto:* Vesperiĝas. Iu kantas. Jugo propravola ne estas malmola. Nin instruas eraro, kiun faras najbaro.

*Komo estas skribenda post vortoj de alparolo: Kara panjo,* mi jam iras. La intermetita alparolo devas stari inter du komoj: Mi timas, *kara panjo*, ke mi malfruos.

Oni uzas komon por apartigi samspecajn vortojn kaj samspecajn frazpartojn: Mi *venis, vidis* kaj *venkis.* Oni dancis *sur la strato, en la korto* kaj *en la ĝardeno.*

*Oni skribu komon antaŭ kaj post apozicio kaj ĉiu intermetita frazparto aŭ intermetita frazo:* Milan, *la plej maljuna filo,* estis gimnaziano. Tio estas, *ja vi bone scias,* tre malagrabla afero. Mian libron, *ĵus aperintan,* mi ekvidis en la elmontra fenestro de la vendejo.

*Komon oni skribas inter kunorditaj frazoj:* Homo proponas, Dio disponas. Dio donis buŝon, Dio donos manĝon.

*Komo apartigas subordítan frazon de la ĉefa*: Se la sorto vin batas, mokantoj ne mankas. Plej bone ridas, kiu laste ridas.

*Sed ne skribu komon* inter samspecaj vortoj aŭ frazpartoj samspecaj, kiam ilin ligas konjunkcioj: *kaj, sed, nek, aŭ!* Ekzemple: Petro *kaj* Paŭlo estis bonaj amikoj. Nek Petro *nek* Paŭlo povis respondi la demandon. Li estis diligenta *sed* maltalenta. Kun mi venu Petro *aŭ* Paŭlo.

*Komo estas ellasebla* antaŭ subpropozicio, kiun enkondukas rilata pronomo: Legu(,) *kion* mi diris. Li povis iri(,) *al kiu* volis. Pagos(,) *kiu* restos lasta.

*Punktokomon oni uzas* por apartigi logike interligitajn frazojn pli distinge ol per nura komo: Vi ludas; mi vin petas, batu forte . . . *Ĝi estas anstataŭigebla per punkto:* Vi ludas. Mi vin petas, batu forte . . .

La uzo de punktokomo ne estas ankoraŭ fiksita kaj dependas tute de persona kutimo.

*Dupunkto estas uzata antaŭ citaĵo en rekta parolo:* Ŝi kriis: „Helpon, homoj, helpon!“, *same antaŭ eksplika nombrado:* Tie mi vidis diversajn veturilojn: biciklojn, motorbiciklojn, aŭtomobilojn, trajnojn, aŭtobusojn, trolejbusojn, ktp.

*Tripunkton oni uzas por signi ion nediritan:* Vi tion povas ja fari, sed li . . .

*Haltostreko estas uzata por emfazo:* Kuraĝa inter ili estis — sole li. *Krome oni uzas ĝin por apartigi* intermetitajn frazerojn eĉ tutajn frazojn: La afero — precipe ĝia financa flanko — devas esti funde pridiskutita. Magdalena — mi forte kredas — elektos prudente.

*Dividstrekon oni uzas plej ofte por transporti vortoparton en novan linion.* La vortodivido estas duspeca: *a) preseja,* uzata de Esperante nekleraj kompostistoj kaj *b) manuskripta.* Laŭ la preseja maniero oni tranĉas la vortojn antaŭ vokalo: esp-er-ant-ist-o, konf-uz-iĝ-is, k. s. Sed la kunmetitajn vortojn ankaŭ en la preseja vortodivido oni dividas laŭ kunmento. *Oni dividas la prefikson,* ĉiam: mal-dil-ig-ent-a, pri-plor-it-a; lud-kam-ar-ado, k. s.

Laŭ la manuskripta vortodivido oni dividas la vortojn jene: Se inter du vokaloj troviĝas *du konsonantoj,* la unua el ili restas en la antaŭa, la dua transiras en la sekvan silabon: ka*l*-*k*u-lo, le*n*-*t*o, k. s. Sed *se la dua konsonato estas „r“ aŭ „l“*, ĝi kunprenas la antaŭ ĝi troviĝantan konsonanton: fe-b*r*o, ta-b*l*o, k. s. *Se la du konsonantoj estas „rl“ aŭ „lr“*, oni tranĉas la vorton inter ili: hu*r*-*l*i, k. s. „lr“ troviĝas nur en kunmetitaj vortoj: se*l*-*r*i-meno, ma*l*-*r*i-ĉa, ktp.

*Se en la vorto alternas konsonantoj kun vokaloj,* la vortojn oni tranĉu post vokalo: ta-bu-lo, o-ku-lo, k. s. Sed se alterno troviĝas en vortoj kunmetitaj, la tranĉo okazu ĉiam laŭ la kunmeto: in-o-ku-lo, am-i-do-lo, sun-el-i-ro kaj *ne*: su-ne-li-ro!

*Ĉe divido de vortoj kunmetitaj oni ĉiam atentu la kunmeton kaj dividu laŭ tio!*

Se inter du vokaloj, estas *tri konsonatoj,* la tria estas ĉiam: *r, l,* aŭ *v.* Ĉi tiajn vortojn oni tranĉas inter la unua kaj dua konsonatoj: ko*n*-*t*raŭ, pa*s*-*t*ro, a*n*-*g*la, kaj simile. Sed se la unuaj du konsonatoj estas ‚ks“ aŭ „kz“ la tranĉo okazas inter la dua kaj tria konsonantoj: ek*s*-*p*o-zi-ci-o, k. s.

Se inter du vokaloj troviĝas *kvar konsonantoj*, oni tranĉas la vorton inter la dua kaj tria konsonantoj: maj*s*-*t*ro, ek*s*-*p*lo-di, k. s.

*Dividstrekon oni uzas ankaŭ en kunmetitaj vortoj* por plifaciligi ilian komprenon: *ne-ne*cesa, *re-e*lektita, matenruĝ-purpuro, *in*-piedvesto, *il*-distribuejo, membro-abonanto, instruistoj-Slovakoj, k. s.

Oni ankaŭ uzas dividstrekon: a) *en kunmetoj de adverbo* kun adjektivo: blue-verda, ore-flava, b) *en kunmetoj de du aŭ pli da adjektivoj*: slovaka-Esperanta vortaro, blanka-blua-ruĝa flago, c) *en kunmeto de proksimiga ĉi-vorteto* kun adjektivo aŭ kun adverbo: ĉi-jara, ĉi-jare, ĉi-kune, ĉi-koncerne, ĉi-rilata, d) *por signi ellasitajn literojn*: Esp-o, D-ro, esp-isto, s-ano, k. s.

*Krampoj estas uzataj por intermeti ion frazkonstrue memstaran*: Bedaŭrinde mia patro mortis, kiam nur duono de lia verko estis eldonita (la elirintaj kajeroj estas riceveblaj ĉe la firmo Möller kaj Borel en Berlino).

*Citilojn oni uzas en rekta parolo* por laŭ-vorta citaĵo: „Kara filo, mi tion jam de longe scias“, respondis la patro.

*Steleton oni uzas por atentigi je piednoto*. Sed nuntempe anstataŭ steletoj oni prefere uzas *ciferetojn*, ĉar ili ne rompas la kontinuecon de la linioj tiamezure, kiel la steletoj.

*Apostrofon oni uzas por signi la elizion* de la artikol-finaĵo aŭ tiun de la substantivo: ĉe l'patrino, tra l' arbar', k. s.

*Demandosignon oni skribas post demandaj frazoj:* Ĉu vi aŭdis, kion diris Petro? Sed ne skribu demandosignon post demandaj suborditaj frazoj, se la ĉefa frazo ne estas demanda: Demandu lin, kien li metis la ludilon.

*Krisigno estas skribata post frazoj ordona kaj dezir-esprima:* Sidu, knabo, trankvile kaj legu! Ha, se mi povus revidi vin, patrujo mia! *Krisignon oni skribas ankaŭ en frazoj ekkriaj*: Kia belega ĉielarko! Ha, teruro!

Ni estas konsciaj, ke nia artikolo pri la nuna stato de Esperanta ortografio ne estas elĉerpa. Pro lokmanko en nia gazeto ni eĉ ne intencis ĝin fari tia. Sed se ni sukcesis fiksi kaj klarigi la ortografiajn regulojn de Esperanto almenaŭ en iliaj ĉefaj, iliaj plej karakterizaj trajtoj kaj se tiuj ĉi reguloj estos obeataj de niaj gazetistoj, gazet-kontribuantoj kaj imitataj de samideanoj — ni estos kontentaj, ĉar tiu-kaze la artikolo en granda mezuro certigis ordon en la Esperanta ortografio.

---

# Ĉeĥo - Ĉeĥio, Bohemo - Bohemio

## Kontribuaĵo al enketo

Kvankam mi estas nek Ĉeĥo nek Bohemo nek bohemiano — eĉ ne lingvisto, tamen min interesas la problemo, ĉar se s-ano J. K. sukcesos por la esprimo „Bohemio“ elmiliti civitanan rajton en Esperantujo — *ŝanĝenda estos preskaŭ ĉiu landonomo, ĉar ja plimulto de la landoj eŭropaj havis en la ora epoko de la latina lingvo nomon, kiu estas nun „pure geografia nocio“*, sed . . .

Estas ja konate, ke ĉiu Esperanto-lernolibro instruas, ke ĉe lingvaj fenomenoj kaj gramatikaj reguloj en Esperanto ekzistas neniaj esceptoj. *Se ekzistas Germanoj, devas ekzisti ankaŭ Germanio aŭ Germanujo* kaj povas ekzisti eĉ germanianoj aŭ germanujanoj, kaj male: *se ekzistas Hispanio aŭ Hispanujo, devas ja ekzisti ankaŭ Hispanoj* kaj povas ekzisti ankaŭ hispanianoj aŭ hispanujanoj, ks.

Ŝajnas al mi, ke al s-ano J. K. el Brno ne plaĉas tiu ĉi severa logikeco de Esperanto, li eĉ ne *kontentas* pri la Esperanta „senescepteco“, ĉar li sukcesis trovi landonomon sen similnoma popolo kaj popolnomon sen similnoma lando! Ja laŭ li ekzistas *Bohemio sen Bohemoj* kaj nur kun bohemianoj, kaj *ekzistas Ĉeĥoj sen Ĉeĥio aŭ Ĉeĥujo*, do li klopodas ŝanĝi la tedan unuformecon kaj en la lingvon enkonduki esceptojn por plifaciligi ĝian lernadon!

Mi ne intencas skribi ampleksan traktaton pri la problemo sciante, ke Esperantisto Slovaka ne estas prilingva gazeto. Mi nur volas direkti kelke da demandoj al s-ano J. K. petante lin, ke li afable respondu ilin en Esperantisto Slovaka. Jen ili:

a) Kiajn filologiajn, historiajn aŭ geografiajn motivojn vi havas, kara s-ano, por deklari la esprimon „Ĉeĥio“ malĝusta deklarante samtempe korekta la esperantigitan latinan nomon „Bohemio“?

b) Ĉu la princoj kaj reĝoj, kies antaŭulo laŭ legendo estis *prapatro Čech*, la princoj kaj reĝoj de lando, kies ĉefurbon Praha sugestis fondi *princino Libuše* — estis princoj kaj reĝoj de Ĉeĥoj aŭ de bohemianoj?

c) Ĉu ne estus pli korekte nomi nian respublikon anstataŭ Ĉeĥoslovaka — „*Bohemohungaria Respubliko*“? Ja la latina nomo de teritorio, sur kiu loĝis eĉ nun loĝas Slovakoj, estis siatempe „Hungaria Superior“, kaj ĝia slovaka loĝantaro por la latina eksterlando estis — Hungaroj same, kiel la Ĉeĥoj estis Bohemoj!

d) Ĉu la nomo de landoj, konataj sub nocio „Landoj de ĉeĥa krono“ estas korekte — „Landoj de bohemia krono“?

e) Ĉu vi trovas pli ĝustaj la pure geografiajn aŭ historiajn nomojn: „Albiono“ kaj „Transalpa Gaŭlio“ (latine: Gallia Transalpina) anstataŭ la modernaj — Anglio kaj Francio? . . .

Post via deklaro, ke la esprimo „Ĉeĥio“ estas malĝusta por la lando de Ĉeĥoj, mi dubas nun pri ĉiuj ĉi aferoj kaj petas Vin, bonvolu per nerefuteblaj pruvoj dispeli miajn dubojn des pli, ĉar s-ano J. H. el Praha plendas, ke en ĝeneralaj kunvenoj esperantistaj lia postulo por esprimoj „Ĉeĥo-Ĉeĥio“ ĉiam falas pro iu argumento. Bedaŭre li ne indikis tiujn argumentojn, sed eble mi ne eraras, kiam la fatalajn argumentojn mi opinias — Viaj, aŭ almenaŭ al Vi funde konataj. *J. V. Dolinský.*

## PERSONAJ SCIIGOJ

GEEDZIĜO. S-ano *Paŭlo Rosa,* prezidanto de SES, kaj s-anino *Eva Hartlová* geedziĝas la 19-an de decembro 1949.

La tuta slovaka samideanaro sincere gratulas al nia feliĉuloj kaj ĝojas, ke la piloto de nia slovakia movado, estante mem pilotata de samideanino, kun duobligita forto laboras por la movado.

*Dankesprimo.* Mi sincere dankas al ĉiuj en- kaj eksterlandaj ges-anoj kaj redakcioj, kiuj honorigis min per bondeziro, okaze de mia vivjubileo. Ilia rememoro estas por mi forta instigilo al plua poresperanta laboro. Ĉefe mi dankas al nia kara latvino Milda Jakubcová, kiu pridonacis min per propramane trikitaj gantoj kun latvaj motivoj. D ro Ludoviko Izák.

MORTO.

S-ano D-ro *Vilhelmo Austerlitz,* kuracisto en Bardejov, malnova pioniro de Esperanto, mortis la 27-an de novembro 1949, atinginte 76 jarojn, el kiuj 52 li dediĉis al laboro por siaj homfratoj. Honoron al liaj laboro kaj memoro!

*Slovakaj fervojistoj atentu!* Por aperigi en tutmonda odresaro la nomaron de slovakaj fervojistoj-esperantistoj, ni petas ĉiun, eĉ neorganizitan fervojiston-esperantiston, ke li sciigu sian adreson al Slovaka Esperanto-Societo, organiza fako, Turč. Sv. Martin, Kuzmányho 29.

## ESPERANTO EN LA ĈEĤOSLOVAKA RADIO.

dum la vintra sezono 1949-1950. Nova listo, kun multaj ŝanĝoj.

ĈIUTAGE:

I. 15.45—16.00 h MET (14.45—15.00 h GMT), 31.41 m (9550 kc), kaj 1935 m.

II. 22.00—22.15 h MET (21.00—21.15 h GMT), 49.92 m (6010 kc).

LUNDON:

22.45—23.00 h MET (21.45—22.00 h GMT), 470 m (Praha I), 325 m) (Brno I), 259 m (Ostrava).

MERKREDON:

kiel lundon. (La iama mezonda programo, plilarĝigita je 5 min.)

UNUA MERKREDO EN ĈIU MONATO:

VERDA STACIO

23.00—23.30 (24.00) MET (22.00—22.30 aŭ ĝis 23.00 h GMT), 269 m (Praha II), 325 m, 259 m, 219 m.

OSTRAVA: ne elsendas memstare en E.

La kondiĉo „sine qua non“ por la plua daŭro de la elsendoj estas ke la aŭskultantoj sendu de tempo al tempo al la stacio sian aŭskultraporton. Ĉu vi deziras, ke la elsendoj ne estu limigataj? Do ĉiu plenumu samideanan devon. Skribu al:

Ĉeĥoslovaka Radio, Esperanto-Sekcio, Praha XII, Stalinova 12.

---

SOLVO de la enigmo, aperigita sur la paĝo 143: 1. Alumeto. 2. Latine. 3. Utili. 4. Milo. 5. Eni. 6. T. e.

---

## ESPERANTISTA POŜKALENDARO,

ornamo de ĉiu vera esperantisto, aperos en proksimaj tagoj. Ĉi estos tole bindita, tre praktika poŝlibro. Krom kalendaraj datoj ĝi enhavos organizan flankon de ĉsl. esperantistoj, necesajn sciigojn pri Universala Esperanto Asocio, poŝtan tarifon, adresaron de ĉsl. kluboj, tagon kaj horon de la klub-kunvenoj kaj internaciajn trafiksignalojn.

Kiu ankoraŭ ne mendis, tiu rapide skribu al *Esperantista Klubo,* Zamenhofova 1010, Hradec Králové II, ČSR.

# KIO ESTAS MORAVIA SLOVAKIO?

Ĝi estas malgranda regiono en Ĉeĥoslovakio — kelke da moraviaj distriktoj, kuŝantaj ĉe la okcidenta Slovakio. La loĝantaro: moravia — la lingvo kaj la kutimoj slovakaj. La lando, kie suno arde brilas, kie fluas ruĝa, bonodora vino. Variaj koloroj, sonorilaj rido kaj kantoj sub la alta Dia ĉielo. La homoj malmolaj kiel kverkoj pro peniga laborego, sed gajaj kaj bonkoraj.

Gajaj knaboj kaj knabinoj en kostumoj de nekutima beleco, kun kiuj povas konkuri nur la popolkostumoj de la propra Slovakio.

En la koro de la Moravia Slovakio, en la urbeto Strážnice, lulilo de la belega slovaka popola ceramiko, vi povas vidi tiujn ĉi belaĵojn ĉiujare en julio okaze de la popolaj kant- kaj dancfestoj.

Por montri al la tuta mondo la belajn popolajn kostumojn eldonis

ESPERANTISTA KLUBO EN VESELÍ NAD MORAVOU,

moravi-slovakia urbeto, serion da belegaj fotopoŝtkartoj kun Esperantaj tekstoj. La serio enhavas 10 diversajn fotojn. La serio estas ricevebla por Kčs 29.— enlande, por eksterlando la prezo estas 7 internaciaj respondkuponoj aŭ egalvaloro. La samaj fotoj mankoloritaj estas haveblaj po Kčs 10.— (2 int. rk.) por peco.

Mendu ĉe s-ano *Jaromír Pavlacký*, komercisto, Veselí nad Moravou, ČSR.

---

# KIEL ENKONDUKI ESPERANTON ĈE SINDIKATA MONDA FEDERACIO (S. M. F.)

Konsiderinte ke la esperantista celo estas la enkonduko de nia lingvo ĉe gravaj internaciaj organizoj, ni esperantistaj sindikatanoj unuiĝas niajn fortojn por trafi tiun celon ĉe S. M. F. (Sindikata Monda Federacio).

Pro tio ni decidis agadi per nia lingvo kaj pruvi pere de la faritaĵoj ĝian taŭgecon. Tio estas farebla ĉe S. M. F., ĉar ni povas efektivigi plenumendajn taskojn de tiu organizo neniam trafitaj ĝis nun, nome: Eduki ĝiajn anojn, naskigi ĉe ili internacian solidarecon, unuigi ilin por la sindíkata agado.

a) *Edukado de la anoj.* Ni efektivigos ĝin parte dank' al nia bulteno, kiu sciigos al niaj kamaradoj sindikatajn novaĵojn de la tuta mondo.

b) *Internacia solidareco.* Ĝi naskiĝos nur per internaciaj renkontoj, legado, korespondado. Nur Esperanto ebligos tion.

c) *Unuigi la laboristojn por la agado.* Ni efektivigos morale tiun taskon incitante ĉiam la legantojn de nia gazeto „ESPERANTISTA SINDIKATANO“ al malakcepto de la divido, konsciigante ilin pri nevenkebleco de la unuiĝínta laboristaro. Tiel ni plenumos la plej efikan kondiĉon por firmigi la pacon.

Ni estas certaj, ke tiu peresperanta agado rapide aliformiĝos je poresperanta, ĉar ni tradukos nian bultenon nacilingven, ampleksigante nian agadon eĉ al la ne-esperantistoj. Tiel ni komprenigos al ili la neceson de nia lingvo kaj ilin ni varbos.

S. M. F. anoj, aniĝu al Sindikata Esperantista Asocio Tutmonda. (S. E. A. T),

Ĉiuj sindikatanoj, kia ajn estas via organizo, sciigu viajn ideojn al *S. E. A. T, 20 rue du Béquet*-Bègles-FRANCIO (Gironde).

JARFINA BONDEZIRO.

Fine de ĉi tiu jaro
nia esperantistaro
en kor' sia nur deziru,
ke venontan jaron miru
tula l'mondo pri sukceso
de gazeto nia E. S.

*Št. S.*

# Enhavo de la IV-a jarkolekto

ĈEFARTIKOLOJ



KIO OKAZAS EN ĈSR?



POPOLKANTOJ



POPULARSCIENCAJ ARTIKOLOJ

## BELETRIO, FELIETONOJ



## POEMOJ

---

**ESPERANTISTO SLOVAKA,** časopis Slov. esperantského ústavu. Vychádza mesačne. Zakladateľ Arnošt Váňa. — Red. a admin.: Turč. Sv. Martin, Kuzmányho 29. Redigujú: E. V. Tvarožek a zodp. zást. Dr. Ľud. Izák. — Predplatné na rok Kčs 70.—, do cudziny Kčs 80.—. — Účet Poštovej sporiteľne S-9615, Slovenský esperantský ústav, Turč. Sv. Martin. — Novin. výpl. pov. Riaditeľstvo pôšt pod č. 22.857-I.-1948. — Dozorný a podací pošt. úrad Turč. Sv. Martin.

**ESPERANTISTO SLOVAKA,** organo de Slovaka Esperanto-Instituto. Aperas monate. Adreso: T. S. Martin, Kuzmány str. 29, ČSR-Slovakio. Fondinto A. Váňa. — Redaktas: E. V. Tvarožek kaj la respondeca reprezentanto Dr. Ludoviko Izák. — Abonprezo por eksterlando: 16 int. respondkuponoj aŭ egalvaloro en Esperantaj libroj.

Tlačiareň — Presejo: KÚS, T. S. Martin.